propono de esperantistaj organizaĵoj aŭ de enskribiĝintaj kongresanoj, kondiĉe ke tiuj proponoj estu alvenintaj al la Internacia Centra Komitato almenaŭ tri monatojn antaŭ la kongreso;

c) La dezirojn kaj konkludojn de la sekcioj, prezentitajn al la kongreso.

10. *Regularo por la kunsidoj de la kongresoj.*

a) La malferma solena kunsido estas malfermata de la prezidinto de la antaŭa kongreso aŭ de lia anstataŭanto. Li prezentas la liston de la nomoj proponataj de la Internacia Konsilantaro por la estraro de la okazanta kongreso. La elektita prezidanto daŭrigas la gvidadon de la kunveno.

La laboraj kunsidoj de la kongreso kaj la ferma kunsido estas prezidataj de la prezidanto aŭ de unu el la vic-prezidantoj de la kongreso.

b) Ĉiu, kiu deziras ricevi la parolvicon, devas doni sian nomon skribe al la estraro de la kunsido.

c) Ĉiu rezolucio aŭ amendo devas esti komunikata skribe al la estraro.

ĉ) La parolontoj sin sekvas, laŭ ordo de la enskribo.

d) Ĉiu parolonto, krom la raportantoj, povas paroli nur dum dek sinsekvaj minutoj. Ĉiu parolonto ne povas, sen speciala permeso de la prezidanto, paroli pli ol dufoje pri la sama demando, escepte pri punkto pri ordo.

e) La parolontoj povas paroli nur pri la tagordo. La prezidanto reprenas la parolon al ĉiu parolanto, kiu parolas pri alia temo.

f) La interrompoj estas malpermesitaj.

g) Post la fermo de la diskuto, decidita de la kunsidantaro, oni voĉdonas.

ĝ) Oni devas voĉdoni pri la amendoj antaŭ ol voĉdoni pri la prezentita propono.

ĥ) La voĉdonoj povas okazi per levitaj manoj, se ne ekzistas dubo pri la rezultato de tiu voĉdono. Se ekzistas dubo, laŭ opinioj de la prezidanto aŭ de la proponintoj, oni balotas.

11. Krom la Universalaj Kongresoj de Esperanto, povas okazi periode oficialaj teknikaj konferencoj, laŭ decido de la Internacia Centra Komitato aŭ de la Internacia Konsilantaro. Tiuj instancoj tamen ne zorgos pri konferencoj politikaj aŭ religiaj.

12. La oficialaj komunikoj de la oficialaj Institucioj estas publikigataj pere de la Esperantistaj gazetoj. La oficialaj dokumentoj kaj raportoj estas publikigataj per zorgo de la Internacia Centra Komitato en la Oficiala Bulteno kaj en la Oficiala Dokumentaro laŭ ĝia nuna formato.

## XI. OFICIALAJ JARLIBRO KAJ BULTENO.

1. U.F.E. aperigos ĉiujaran jarlibron kaj oficialan bultenon, kiujn ricevos ĉiu membro laŭ kondiĉoj de ĉapitro VI. Tiu ĉi bulteno aperos minimume dufoje dum la jaro. Ĝi povas pli bone esti presata en la gazeto de la koncerna nacia societo se tian gazeton ricevas ĉiu membro. Se ne, la Centra Oficejo liveras al la nacia societo sufiĉan kvanton da represaĵoj por la dissendo.

2. La oficejestro interŝanĝas la Oficialan Bultenon kun la esperantaj gazetoj kaj sendas al ili, en okazo de urĝeco, ĉiujn informojn necesajn.

## XII. HONOROFICOJ. — MON-KOMPENSOJ.

Ĉiuj funkcioj, krom tiu de la oficejestro kaj lia oficistaro, estas plenumataj honorofice kaj sen kompensa salajro aŭ subvencio. Tamen laŭ decido de la

Internacia Centra Komitato, apartaj servoj povas esti mone kompensataj.

XIII. MODIFOJ EN LA STATUTO.

Modifoj en la Statuto de U.F.E. povas esti pritraktataj nur se la koncerna propono estas prezentita de la estraroj de almenaŭ ses naciaj societoj kaj sendita almenaŭ ses monatojn antaŭ la kongreso al la Internacia Konsilantaro, kiu devos ĝin priparoli. La membroj de la Internacia Konsilantaro devas ricevi la proponojn almenaŭ tri monatojn antaŭ la kunveno, en kiu la propono estos pritraktata. La propono estos akceptata se estas al ĝi favoraj minimume du trionoj de la voĉoj devenantaj de almenaŭ tri kvaronoj el la naciaj societoj aliĝintaj, kaj plenumintaj ĉiujn siajn devojn kontraŭ U.F.E.

XIV. DISIGO.

1. U.F.E. ne povas esti disigata se almenaŭ tri naciaj societoj restas al ĝi aliĝintaj. Propono pri disigo devas esti decidata de la Internacia Konsilantaro per minimume du trionoj de ĉiuj voĉoj de siaj membroj. La limtempo por la propono kaj cetera procedo de eventuala disiĝo estas la sama, kia tiu por la modifoj en la statutoj laŭ ĉapitro XIII.

2. En kazo de disiĝo, la Internacia Konsilantaro Reprezenta decidas pri la destino de la havaĵo de U.F.E.

———

# ALDONO AL LA STATUTO DE U.F.E.

## *Budĝeto por 1933.*

### I. ENSPEZOJ.

| *(Parto el la kotizo de la naciaj societoj por la internacia centro)* | *sv. frk.* |
|---|---|
| 5.500 membroj po 0,50 sv. frk. | 2.750,— |
| 3.500 membroj po 2,50 vs. frk. | 8.750,— |
| 750 membroj subtenantaj po 4,— sv. frk. (neta sumo post pago por gazeto) | 3.000,— |
| 100 Patronoj po 75,— sv. frk. | 7.500,— |
| Kongres-procentaĵo (1250 × 20 %) | 6.250,— |
| | 28.250,— |

### II. ELSPEZOJ.

| | |
|---|---|
| Salajroj | 15.000,— |
| Lupago | 2.200,— |
| Oficejaj bezonaĵoj | 2.500,— |
| Poŝtelspezoj | 2.000,— |
| Akademio kaj L. K. | 600,— |
| Jarlibro | 5.000,— |
| Dissendo de la Bulteno (nur necesa kiam nacia societo ne havas gazeton) | 950,— |
| | 28.250,— |

# BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA

## 1902 --- Tridekjara Jubileo --- 1932

**Dimanĉon 16an de Oktobro 1932 en " Gouden Hoorn " Bruĝo.**

Ni trovis Bruĝon en aŭtun-ornamo. La riĉaj orbrunaj koloroj de la hederkaj vinberplantoj grimpantaj laŭ la muroj kaj tegmentoj de l'antikvaj konstruaĵoj varmigas la grizecon de la maljunaj ŝtonoj. La arbo-aleoj laŭlonge de la kanaloj respeguliĝas siajn velkantajn kronojn en la trankvilaj akvoj, kaj la majestaj cignoj, nun ne forpelataj de la tok-tok-antaj motorboatoj reĝe estras la misterajn akvostratojn. Dolĉa kaj nekonata ĝuo ripoziĝas sur la fundon de la koro kiam la krepusko malakriĝas la konturojn, obtuziĝas la bruojn, kreas kvazaŭ fantazian mondon, kiu ekzistas nur por la ĝuo de l'animo. La abstrahita spirito ekrevas pri romantika duopa gondol-veturo, kun mandolin-muziko sub arĝenta lunbrilo.

Sed interdume vesperiĝis tute kaj estas tempo por iri al la hotelo kaj esplori, ĉu la amikoj el Antverpeno jam alvenis. Vere, jes: — jen, la ĉiam vigla S-ino Elworthy-Posenaer, jen Ges-oj Schoofs kaj Ges-oj Vermandere. Sesope, bonega vespermanĝo estas ĝuata.

Nun serĉe al la Wynzakstraat. Strange, strangege; ĝi ŝajnas fantoma strato ĉar kvankam ni scias, ke ĝi devas ie ekzisti, la pridemanditaj bruĝaj preterpasantoj ne konas ĝin, eĉ ekkoleras kiam ni insistas kaj ili tranĉe finas la interparoladon akcentante ke certe la *WiinGOARDstroate* estas bruĝa, sed ne ekzistas kaj neniam ekzistis iu *Wiinzakstroate*. Post longa ĉirkaŭvagado en la sama kvartalo, finfine la tria buĉist-helpisto nin metas sur la bonan vojon, kaj ni ekscias, ke ĉiuj stratoj en Bruĝoj havas du nomojn: la popolan kaj konatan kaj la oficialan kaj nekonatan. Post tiu klarigo, ni kompreneble, kiel eksterurbano, nin respekte klinas antaŭ la lokaj kutimoj kaj estas kontentaj, ke ni trovas la longe serĉitan domon de la Bruĝa Prezidantino.

La sekvanta Dimanĉ-mateno alkondukas al ni novan aron da Bruselaj kaj Antverpenaj samideanoj: S-ino Staes kaj nevino, Ges-roj Faes, F-inoj Jacobs, Morrens, Van Hoof, S-ro Weissenborn. Ankaŭ alvenas la Bruĝaj Esperantistoj multnombraj: oni interkonatiĝas. Jen F-ino Thooris, jen S-ro Poupeye. Ankaŭ S-ro Benoît el Oostduinkerke venas agrabligi la Solenan Jubilean Kunsidon en kiu ni kun bedaŭro rimarkas la mankon de S-ro Witteryck kiu pro malsano nur malfacile povas translokiĝi. Ni notis ankaŭ S-rojn Petiau kaj Groverman el Gento, Braet, el Nieuwpoort, kaj aliaj.

Post bonveniga vorto de la Prezidantino F-ino Thooris, ŝi skizas al ni per precizaj trajtoj la tutan historion de la Bruĝa Grupo, akcentante la ekstreme gravan pioniran laboron faritan de S-ro Witteryck. Ŝi legas eltiraĵojn el la multnombraj gratul-leteroj kaj telegramoj alvenintaj el Belgujo kaj eksterlando. S-ro Schoofs parlolante post kiam la aplaŭdado ĉesis, pritraktas la rolon luditan de S-ro Witteryck en la gvidado de la Belga Ligo Esperantista; li kun insisto montras la ĉiaman kunlaboron kaj kunsenton kiu unuigis la Bruĝan kaj la Antverpenan grupon dum la tempo de Idista skismo; li esprimas la deziron ke tiu interkonsenta kaj samcela laborado daŭru en la estonteco kiel ĝi ekzistis ĝis nun. Per emociigaj vortoj trafantaj rekte la koron de la aŭdantaro li pri-

skribas la vastan programon plenumitan de la Bruĝa grupo dum ĝia 30 jara ekzisto sub la gvido de la sinsekvantaj Prezidantoj S-ro Witteryck, S-ro Delvaux, F-ino Thooris. La fideleco al la vere Esperantista idealo, la ĉiama batalado por la bona celo, la senbrua sed efika penado estas daŭre la kvalitoj de la Bruĝa Esperantistaro. Li citis la nomojn de ĉiuj laborintoj en la unua grupo de nia lando. Reprodukti la liston okupus tro da spaco tie ĉi. Ni citu tamen S-ron Ch. Poupeye, la nuna sekretario, kiu de 1925 estas la akso de la Societo.

La ĝenerala emocio kiu estas la sekvo de tiu alparolo preskaŭ forprenas al la Prezidantino la vortojn por reporti al siaj kunlaborantoj la laŭdojn al ŝi adresitaj; ŝi deklaras ke kun la helpo de tiel sindona grupanaro estas neeble ne bone labori kaj solene ŝi promesas, ke se tiu helpo estas al ŝi daŭrigata, ŝi ĝoje plenumos tion, kion ŝi konsideras kiel la taskon de sia vivo. S-ro Poupeye, sekretario de la Grupo, esprimas nun al S-ro Witteryck, S-ro Delvaux kaj al la nuna Prezidantino la sentojn de admiro, laŭdo, danko kaj fideleco de la membroj, kaj la ĉarma F-ino Van Mechelen prezentas florbukedon al F-ino Thooris, nome de la grupo. S-ro Moy Thomas, el Londono, aldiras sian deziresprimon por la estonta kreskado kaj florado de la Bruĝa grupo. Bulgara membro, S-ro Babaskeroff en versoj tradukas la sentojn de ĉiuj.

Post la fermo de tiu solena kunsido, la ĉeestantoj iras al la korto de la Domo Gruuthuuse, kie la fotografisto ilin atendas. Agrabla surprizo! malgraŭ la kuracista konsilo, S-ro Witeryck, alkondukite aŭtomobile de sia filino, bofilo, kaj akceptite de F-ino Thooris kaj de S-ro Schoofs, venas atesti al la jubileanta grupo la ĉiaman fervoron kiun li sentas por ĝia klopodado. Generala aklamo lin salutas kiam li aperis sur la korto, ĉe la brako de la Liga Prezidanto. Post kelkaj momentoj de preparado la bildo de la grupo fiksiĝas sur la fotografia retino. Adiaŭante al S-ro Witteryck, kiu promesas se eble reveni vespere al la festo, oni reiras al la « Ora Korno » kie lukse kovrita tablo nin atendas. Zorge kunmetita menuo nun estas servata dum gajiga pianoludado agrabligas la kunestadon.

Post la toasto de F-ino Thooris al la Reĝo, S-ro Schoofs parolas nome de la Belga Ligo kaj toastas al la Grupo kaj al ĝia prezidantino al kiu li donas florbukedon; S-ino Elworthy nome de l'amikeco kiu ligas ŝin de longe al la Prezidantino, S-ro Moy Thomas nome de l'Anglaj amikoj, S-ro Benoit nome de l'Francaj, S-ro De Ketelaere nome de « La Verda Stelo » de Antverpeno, S-ro Petiau nome de la Genta Grupo, S-ro Faes toastas al la sinjorinoj kaj fraŭlinoj, je kies nomo respondas S-ino Schoofs.

Je la 4a finiĝis tiu bonege sukcesinta festeno, kaj la geaktoroj iras sin prepari por la vespera teatra prezentado, dum la eksterurbuloj profitas la intertempon por fari belegan promenadon tra la pentrindaj kvartaloj de la neniam finesplorita Bruĝo.

Multnombra publiko plenigis la salonon kiam ni revenas. S-ro Schoofs profitis la ĉeeston de S-ro Witteryck por ovaciigi tiun pioniron de nia movado en nia lando. La resumis la multajn servoj de li faritaj kaj kiuj ligas ĉiujn belgajn Esperantistojn al tiu kuraĝa samideano, kiun li frate ĉirkaŭbrakas. Post dankparolado al S-ro Dervaux, li prezentas florojn por S-ino Witteryck kaj al S-ino Dervaux. La Bruĝa grupo kiel honorigon al sia fondinto, donacas belan

memorigan medajlon kun bildo de D-ro Zamenhof, al S-ro Witteryck, kaj al S-ro Dervaux. S-ro Witteryck kortuŝite dankas, kaj donacas al la grupo belan portreton de la Majstro por ke ĝi estu memoraĵo de tiu ĉi bela tago.

Nun komenciĝas la prezentado de la Verdreva Revuo en prologo kaj du aktoj. La temo pritraktita : la Triumfo de Esperanto en Bruĝo, montras al ni la alvenon de eksterurbaj samideanoj inter kiuj ni kredas rekoni du eminentulojn el nia belga movado, tre trafe tipitajn. La Ĉe-metodo aplikata al instruo de gvidisto, la praktika ripetado per la zorgoj de F-ino Stelo Verda, kondukas al la kompleta esperantistiĝo de S-ro Sissen kaj al reciproka enamiĝo. Satiraj skizoj prezentas la tutabstinencon, la plagon de la mallongigoj, la debat-klubajn diskutojn por kaj kontraŭ Esperanto, kun eksperimentoj pri la lingva maŝino kaj la O-lingvo, fine la venkon de Esperanto kiel lingvo de l'amo kaj de l'paco.

Grandega sukceso kronis tiun prezentadon agrabligitan — kiel decas al revuo inda je tiu nomo — de vivecaj kantoj, en Esperanto, sprite adaptitaj al la nuntagaj sukces-arioj. La aŭtoro kaj reĝisoro Karlo kaj Jozefo faris grandegan laboron laŭdindan kaj imitindan (se eble !). La aktoroj ludis unu pli bone ol la alia kaj ni citas iliajn nomojn kun danko pro granda plezuro, kiun il havigis al ĉiuj ĉeestantoj. Kunludis F-inoj Yvonne Van Mechelen, S. kaj M.J. Van den Berghe, S. Weissenborn, Laure Bollinne, Sonia, Rachel Hoste ; S-roj Poupeye, Gustave Dotselaere, Henri Braekevelt, Ch. De Coster, J. De Coster, G. Van den Abeele, Richard Heinkens, Osko, Ali-Baba, J. R. Al ĉiuj iras niaj laŭdoj. Se malgranda kritiketo estus permesita, ĝi koncernus la tro longan elparoladon de la vokaloj, kiuj sonigas la vortojn tre strange : Eespeerantoo, eestaadoo, laa oostooj. Se niaj Bruĝaj amikoj volus sin apliki al korektado de tiu neinternacia elparolo, ni trafus la nuran celon de tiu bone intencita rimarketo.

La balo, kiu nun sekvis, alternigis la plej dancigajn ariojn kaj kuntiris ĉiujn en la rondon ĝis kiam la noktmeza horo venis meti finan punkton al belega kaj glora tago, pri kiuj ĉiuj konservos plej agrablan memoron.

Niaj bruĝaj geamikoj montris, ke ili estas kapablaj organizantoj kaj lertaj esperantistoj !

Notinde estas, ke ĉiuj jurnaloj de la urbo favore raportis pri la festoj de la grupo, kaj publikigis kliŝon de la partoprenintoj.

La sukceso de la « Verdreva Revuo » estis tiom granda, ke estis organizata dua prezentado la postan lundon, 17an deOkt., por la neesperantista publiko kiu rezervis ankaŭ densan aplaŭdon al tiu gaja kaj bone ludita spektaklo.

MORRIS.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

Pro la publikigo de la oficialaj dokumentoj kelkaj rubrikoj kutimaj devis esti forŝovataj al la proksima numero de nia revuo kiu aperos je la fino de Decembro.

---

La grupoj estas petataj sendi al ni kiel eble plej baldaŭ la raporton pri sia agado por publikigo en tiu lasta kajero de nia jarkolekto 1932.

# 25-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, KÖLN (GERM.)

29-a DE JULIO ĜIS 5-a DE AŬGUSTO 1933

---

Adreso: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germ.
Poŝta ĉekkonto: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln n-ro 52.
Bankkonto: Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln, Germ.

---

# ALIĜILO

Skribu tre legeble — prefere per skribmaŝino!

Subskribint(in)o deziras aliĝi al la 25-a Universala Kongreso de Esperanto kaj pagas la sekvantajn kotizojn:

| | | |
|---|---|---|
| 1 Kongresa Karto . . . . . . . . . . . . | Germanaj Markoj (1) | 20.— |
| ...... Junula(j) Karto(j) po gmk. 5.— . . . . . . *(Vidu klarigon dorse)* | Germanaj Markoj | .............. |
| Donaco al la Kongresa Kaso . . . . . . . . . | Germanaj Markoj | .............. |
| Donaco al la Blindula Kaso . . . . . . . . . | Germanaj Markoj | .............. |
| Mi sendas ĉi-kune la sumon de . . . . . . | Germanaj Markoj | .............. |

per ĉeko, poŝtĉeko, mandato, per monbileto(j) en registrita letero, per banko, per ..........................................

Familia nomo *) S-ro / S-ino / F-ino ..........................................

Personaj, antaŭ- aŭ baptonomoj *) ..........................................

Profesio **) ..........................................

Nacieco **) ..........................................

Strato *) .......................................... N-ro ..........

Urbo *) ..........................................

Provinco *) .............................. Lando **) ..............................

Kune venos gejunuloj (malpli ol 17-jaraj), kies nomoj estas:

..........................................

..........................................

Dato: Subskribo de la Kongresano:

.............................. 193 ...... ..............................

---

*) En nacia lingvo.
**) En Esperanto.

(1) Vidu dorsflanken !

# Gravaj klarigoj

1. La ordinara kotizo por la 25-a Universala Kongreso de Esperanto estas germ. mk 20.—, por gejunuloj malpli ol 17-jaraj germ. mk. 5.—.

2. Por frualiĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis 31-a de decembro 1932, la kotizo estas nur germ. mk. 18.—, por gejunuloj germ. mk 4.50.—.

3. Post 1-a de julio 1933 la kotizo plialtiĝos al germ. mk. 25.—, por gejunuloj al germ. mk. 6.—.

4. Post ricevo de la kotizo, la Loka Kongresa Komitato sendos kongresan karton.

5. Je konvena tempo ĉiu kongresano ricevos diversajn mendilojn por loĝado ktp. kaj eventualajn kongresajn eldonaĵojn.

6. Ĉiujn kongresnovaĵojn bonvolu legi en la Esperanta gazetaro. « Heroldo de Esperanto » arانĝos je konvena tempo ĉiusemajnan kongresrubrikon.

---

La belgaj partoprenontoj povas sendi sian aliĝilon al Fr. Schoofs, ĉefdelegito de U.E.A., Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien, Antverpeno, al kies poŝtĉekkonto 284.20 ili ankaŭ povas sendi la kotizon, kalkulante la Germ. Markon po Belg. Fr. 8,70.

Supremomita samideano ankaŭ organizas karavanon al la kongresurbo. « Belga Esperantisto » ĝustatempe publikigos la detalojn.

---

## Rezervita por la Kongresa Oficejo

Aliĝilo : ..........................................................................................

Pago : a) Kongresa Kotizo ..........................................................................

b) Junula (j) Kotizo (j) ..........................................................................

c) Donaco al la Kongresa Kaso ..........................................................................

d) Donaco al la Blindula Kaso ..........................................................................

Kongreskarto : ..........................................................................

Mendiloj : ..........................................................................

..........................................................................

..........................................................................

..........................................................................




BULTENO N-ro 1.

OFICIALA INVITO: *La Jubilea Kongreso* okazos en Köln (Kolonjo apud Rejno) laŭ oficiala invito de la ĉefurbestro de Köln, D-ro Konrad Adenauer, Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro.

LA KONGRESURBO SIN PREZENTAS: Köln estas preskaŭ dumiljara urbo, fondita de la Romanoj en la jaro 38 a. Kr. kaj ricevinta urbajn privilegiojn en la jaro 50 p. Kr. (« Colonia Claudia Ara Agrippinensis »). Ĝi situas en la koro de Eŭropo inter Berlino, Parizo, Londono kaj Svislando-Italujo, apud la riverego Rejno (germ.: Rhein).

Mondfama pro sia gotika katedralo, sia parfum-industrio (Kolonja Akvo = « Eau de Cologne ») kaj multaj antikvaj kaj novtempaj vidindaĵoj (preĝejoj, pordegokasteloj, universitato, muzeoj, teatroj, stadiono, parkoj, zoologia ĝardeno), kvar feraj pontoj trans la Rejnon. Haveno, stacidomoj, aviadejo. Vigla komerco kaj trafiko. 740.000 loĝantoj. La Kolonjanoj estas precipe konataj pro sia sangvina temperamento kaj bonhumoro en bonaj kaj malbonaj tempoj.

LA KONGRESA PALACO DE LA URBO KOLN estas unu el la plej modernaj domegoj tiucele konstruitaj kaj situas en bela parko apud la Rejno. Ĝi estos je nia dispono dum la 25-a Universala Kongreso.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO formiĝis kaj kore salutas la tutmondan esperantistaron. Prezidanto: urbestro Bönner; Vic-prezidanto: urba lerneja konsilisto Theile; Afergvidantino kaj kasistino: s-ino M. Gernsbacher; Sekretario: Wilhelm Wingen; Fakestro por loĝado kaj amuzoj: Fritz Kurth. La LKK alelektos al si konsilantojn por diversaj fakoj.

LA ADRESO DE LA LKK ESTAS: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanlando.

LA POŜTA ĈEKKONTO funkcias sub la numero: Köln 52 kaj sub la titolo: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln.

BANKKONTO: Dresdner Bank, Depositen-kasse Chlodwigplatz, Köln, Germanujo.

KOTIZOJ: Por faciligi al la samideanoj la aliĝon al la kongreso kaj kun la celo plejeble fruigi la aliĝon kaj simpligi la prepar-laboron, la LKK decidis, interkonsente kun la ICK, akcepti ĉiujn aliĝojn ĝis inkluzive 31.12.1932 je *favorkotizo de nur gmk. 18.—*. Post 1.1.1933 validos la plena norm-kotizo de gmk. 20.—.

*Junulaj Membroj:* La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Por frualiĝontoj, kiuj estas pagintaj sian kotizon ĝis 31.12.1932, la

kotizo estas nur gmk. 4.50. Gejunuloj ne rajtos ricevi la kongresajn dokumentojn.

*Blinduloj* kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

*Helpkongresanoj*: Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresanoj po gmk. 10.—.

DONACOJ por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun la kongresa kaso ricevis donace gmk. 23.—.

BLINDULA KASO: La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj samideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 8.—.

ALIĜILOJ estas disdonitaj en Novembro pere de la Esperanto-gazetaro kaj naciaj societoj. Krome la LKK sendos ekzemplerojn al ĉiu petanto.

SPECIALAN KONGRESAN GAZETON LKK NE eldonos. La oficialajn kongresbultenojn oni legu en la diversaj Esperanto-gazetoj. Krom tio « Heroldo de Esperanto » aranĝos specialan ĉiusemajnan kongres-rubrikon. Krome la LKK sendos la bultenojn al ĉiu deziranto.

FAKAJ KUNVENOJ: Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

INFORMPETOJ DE LKK: La informpetantoj bonvolu aldoni necesan afrankon por la respondo. Ĉiam indiku sur ĉiu letero aŭ karto vian plenan adreson! La jam aliĝintaj samideanoj bonvolu meti sur ĉiun skribaĵon la numeron de sia kongreskarto.

ALIĜOJ: Ĝis nun anoncis sian aliĝon *103 personoj el 15 landoj.*

Laŭlanda statistiko: Anglujo 9; Aŭstrujo 1; Belgujo 5; Ĉeĥoslovakujo 1; Danujo 1; Francujo 13; Germanujo 56; Hispanujo 3; Italujo 4; Japanujo 1; Nederlando 4; Polujo 1; Rumanujo 1; Skotlando 1; Svedujo 2. Krome n-roj 1—12 rezervitaj al familio Zamenhof.

Por kiel eble plej multaj *baldaŭaj aliĝoj* tre dankema estos la

LOKA KONGRESA KOMITATO.

## NIA FAMILIA KRONIKO

### GRATULOJ

Al S-ro **Ferd. Hanjoul**, membro de « La Verda Stelo », kiu festis la 27an de Julio sian 25-jaran jubileon de mutualisto kaj ricevis tiuokaze la Medajlon de 2a klaso de Interhelpo.

Al S-ro **Sylvain Dervaux**, Honora Vicprezidanto de la Bruĝa Grupo, kiu, laŭ reĝa dekreto 31-8-32, estas pensiumita kiel ĉefricevisto de la Akcizoj kaj konservas la honoran titolon de siaj funkcioj. (Moniteur 19' kaj 20-9-32.)

Al Ges-roj **Henri Petiau**, el Gento, kiuj duafoje iĝis geavoj, nome la 3an de Septembro.

Al Ges-roj **A. Thiry-Van den Eynde**, membro de Belga Ligo, el Jemeppe-sur-Meuse, al kiuj naskiĝis fileto Robert, la 4an de Oktobro.

### NEKROLOGO

Al Sinjorino **Algrain-Coucke**, vicprezidantino, kaj al F-ino **Andrée Algrain**, membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia nevo kaj kuzo, S-ro Felix Coucke, eksmembro de la sama grupo. (12-10-32.)

La S.L.P.E. ĵus perdis unu el siaj sindonaj membroj, Sinjoron **Nicolas Leclercq**, el Chênée, kasiston de Chênée'a grupo, kiu mortis komence de novembro post tre longa kaj doloriga malsano. Ni prezentas al liaj funebrantaj edzino, filino kaj tuta familio niajn plej sincerajn kondolencsentojn.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — **Reĝa Societo "La Verda Stelo".** — Sabaton, la 3an de Septembro ni havis la unuan « Surprizvesperon ». Tio estas, ke neniu el la membroj scias kio okazos dum la kunveno, krom la tri aŭ kvar membroj de la Komitato kiuj aranĝis la vesperon. La nura informo donita estis ke ĉiu vizitonto devis kunporti sian lumigilon. Oni kunsidis antaŭ malgranda scenejo sur kiu estis ludata revuo « Verda Stelo ». Aperis en ĝi kiel aktoroj bonege pligrandigitaj fotografaĵoj de S-roj Schoofs, Jaumotte, S-inoj Van Bockel, Jaumotte, De Hondt, Faes, F-inoj Kenis kaj Jacobs, de S-roj Vermuyten, Faes, De Ketelaere, De Coster, De Schutter kaj De Hondt. La membroj, kiuj tuj rekonis la aktorojn, bonege sin amuzis aŭskultante la geaktorojn en ilia repertuaro : imitadoj de Chevalier, Jos. Baker kaj Jeannette Mac Donald k.t.pl. Estis bonega vespero.

La 24an de Sept., laŭ tradicio, la « Verd Stel'anoj » iris kune al Sint Anne, kie ili mitulvespermanĝis kaj kantis kaj sin amuzis.

La kantlernadon oni kuraĝe restarigis sub kuraĝiga antaŭ aŭ pre-kantado de S-ro Jaumotte kiu iĝos famega kantisto kaj aktoro por la sekvontaj « surprizvesperoj »...

La 8an de Oktobro G-roj Faes-Janssens invitis siajn geamikojn de « Verda Stelo » ĉeesti gramofonkoncerton en la sekretariejo. Granda aŭskultantaro.

Monata kunsido okazis sabaton 15an de Oktobro kaj la 22an ni havis duan surprizon. Ĉeestis la kunsidon kvar bonfartantaj kaj ĝojaj studentoj kies ĉapeloj nur povis supozigi ke ili estis samideanoj, ili kantis kaj kantaĉis... estis S-roj Jaumotte, De Ketelaere, Boffejon kaj Faes kiuj estis la nerekoneblaj vizitantoj. S-ro De Ketelaere estis invitinta kamparaneton, kiu kiam li estis perdinta siajn lipharojn, multege lin similis...

Sabaton 29-an de Oktobro, dank'al F-ino Jacobs, kiu bonvolis, kvankam sen iuspeca preparo, preni sur lin la parton de « Bietje », dank'al S-roj Jaumotte kaj Boffejon, ni havis legadon de teatraĵeto, la partoprenintoj estis varme aplaŭdataj.

—

Kiel kutime dum la lastaj jaroj, preskaŭ ĉiuj popolaj Universitatoj havis sur sia programo organizon de kurso de Esperanto. Ni tre bedaŭras, ke la profesoroj ne informas nin pri la rezulto akirita en tiuj kursoj.

AALST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kiel ni anoncis en la antaŭa artikolo, la malferma kunsido de la vintra sezono okazis ĵaŭdon, la 15an de Septembro. Ni rimarkis kun plezuro, ke multe el niaj membroj respondis nian unuan peton, t.e. ke ili ĉeestu, sed bedaŭrinde, ili ĉiuj forgesis la duan, nome : ke ili ne venu solaj... Nia Prezidanto intencis fari malferman paroladeton, sed ĝi tute senscie iĝis parolado tre interesa, dum kiu li klarigis ion, kion multe forgesas, t.e. ke Esperanto ne nur ekzistas por ni, sed ke ni, Esperantistoj, ankaŭ devas vivi por ĝi, por ĝia disvastigo, ktp.

La 22an, S-ro De Kegel faris tre agrablan rakonton pri sia restado en la Esperanto-domo de Arnhem, tiun-ĉi someron. Li ankaŭ donis kelkajn klarigojn pri la Ĉe-kurso. Li promesis refari tiun paroladon, post unu aŭ du monatoj, kiam li estos pretiginta la lumbildojn.

Por fermi bonhumore la unuan monaton de nia nova sezono, okazis, la 29an de Septembro, amuza vespero. Ni tre agrable... kaj brue pasigis tiujn du horojn, kiuj komenciĝis per la unua leciono por komencantoj, kiu, pro diversaj malhelpoj, estis prokrastita ĝis tiam.

Samideanoj, ne forgesu ke la kunvenoj komencas nun je la 8a kaj duono. La kurso por komencantoj, je la 7 h. 30.

En Oktobro komenciĝis la perfektiga kurso, gvidata de S-ro M. Van Wanseele. La 6an la membroj havis kantvesperon kaj la 20an ili aŭdis interesplenan paroladon de S-ro Legrand pri la Mnemonika Instituto.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista.** — El la Bruĝa Grupo iris al Parizo por ĉeesti la universalan kongreson : F-ino Y. Thooris, prezidantino kaj F-inoj Maria kaj Suzanne Van den Berghe, membrinoj.

Dumtempe S-ro Ch. Poupeye prenis sur sin la ĉiutagan gvidadon de la grupo, kiu dum tiu libertempa periodo, travivis neniun specialan okazintaĵon. Ni notu tamen la viziton, dum kunveno de 16 Aŭg., de Doktorino Paŭlina Muszkatblat, el Varsovio.

Dum la kunveno de la 23-a de Aŭg. okazis parolado de bulgara samgrupano, S-ro Nikolao Babaskeroff, pri « Rozoj ». Li parolis kun kompetenteco kaj kun amo pri la rozkulturado en sia lando, pri la fabrikado de la roza akvo kaj de la rozoleo. Tutkora aplaŭdo salutis la finon de tiu interesplena parolado.

Dum la monato septembro la grupo devis kunigi ĉiujn fortojn por organizi siajn jubileajn festojn de la 16-a de Oktobro. Tial diversaj punktoj de la programo de Septembro devis esti prokrastataj ĝis tiu de Novembro.

En la unua duono de Oktobro tiu organizado fariĝis kompreneble ankoraŭ pli febra kaj estis nur je la lasta semajno de Oktobro, en la kunveno de la 25-a, kiam ĉio estis finita, reordigita kaj likvidita, ke la grupanoj povis denove ĝui humoran vesperon, sub la gvidado de S-ro G. E. Guillaume.

Tamen, post brila vivado, la grupo nun ne ekdormos, ĉar jam estas organizata nova kurso por komencantoj, malfermotan la 18-an de Novembro kaj gvidotan de la sekretario S-ro Ch. Poupeye.

GENTO. — **Genta Grupo.** — Nova kurso komenciĝis la 5an de Oktobro kun dudeko da gelernantoj.

Kunveno de la grupo okazas ĉiumerkrede je la 19a en la lernejo de la Nova Strato Sankta Petro, 45. Varma alvoko estas farata al la membroj por ke ili regule ĉeestu tiun kunvenon.

LIEGE — CHENEE — SCLESSIN. — **Societo Liega por la Propagando de Esperanto.** — La perfektigaj kunvenoj, pri kiuj ni parolis en antaŭa raporto, okazis regule de julio pasinta kaj ebligis speciale prepari niajn novajn anojn por la gvido de kursoj. La klopodoj de gvidantoj kaj kursanoj trafis plej bonan sukceson, kaj nun nia profesoraro enhavas kelkajn pliajn kapablulojn, dank' al kiuj ni povis plivastigi nian agadon kaj organizi jenan kursprogramon : en Chênée, ĉiulunde, de la 3-a Oktobro kun 10 lernantoj, sub gvido de F-ino Baiwir; en Liége-Hocheporte, ĉiumarde, de la 4-a Oktobro kun 32 lernantoj, sub gvido de S-ro Thirifays; en Bressoux, ĉiumerkrede, de la 5-a Oktobro kun 10 lernantoj, sub gvido de S-ro Schuurwegen, kun helpo de S-ro Mulleneers; en Sclessin,ĉiuvendrede, de la 14-a Oktobro kun 15 lernantoj, sub gvido de S-ro Dechesne; en Jemeppe, ĉiumerkrede, de la 12-a Oktobro, sub gvido de

S-ro Ponthir Léon. Tiu ĉi estas vizitata de 55 lernantoj inter kiuj instruistoj, policanoj kaj vickomisaro polica. Plie ĝin ĉeestas ankaŭ deko da knaboskoltoj.

La ĉi supraj kursoj malfermiĝis, sub prezido de SLPE-komitato, kun la plej granda sukceso ŝuldata al la grava reklamo, kiun ni faris per artikoloj en la ĵurnaloj, per multaj afiŝoj kaj ankaŭ per Radio-Cointe.

Krom tio, kurso estas disaŭdigata de S-ro Denise, ĉe Radio-Cointe, ĉiulunde je 2 0h. 30, de la 26-a septembro.

Grava sukceso notinda estas, ke « Cercle Polyglotte » de Lieĝo fine, post diversaj klopodoj de Sclessina grupo kaj S.L.P.E., enskribis de nuna jaro Esperanton en sian programon. La kurso estas oficiale malfermita la 22-an de Septembro per tre interesa parolado de S-ro Baiwir, Prezidanto de S.L.P.E., kaj estas gvidata ĉiujaŭde de S-ro Dechesne; en ĝi partoprenas dekduo da lernantoj, inter kiuj unu membro de la lerneja komisiono.

Jen fine ankoraŭ bona informo: La Asocio de la Diplomitoj de Industria Lernejo en Seraing tre interesiĝas pri Esperanto kaj, celante malfermon de kurso, la Asocia Komitato aranĝis por la 14-a Oktobro specialan ĝeneralan kunvenon, dum kiu nia Prezidanto, S-ro Baiwir, paroladis pri nia movado, antaŭ ĉirkaŭ 200 aŭskultantoj. Sekve de tio estis organizita kurso kun 75 partoprenintoj. Tiu kurso, kiu okazas ĉiuvendrede, de la 21a de Oktobro, estas gvidata de S-ro Thirifays.

Je festa vidpunkto, ni notu la ekskurson de 28-a Aŭgusto al Gileppe-barmuro, kiu plene sukcesis kiel ĉiuj aliaj cetere, kaj tiel finis bele nian somerprogramon.

Bedaŭrinde ni trafis ne nur sukcesojn. Efektive la kurso, kiun ni ree disaŭdigis per S-ro Denise en RADIO-COINTE, dank' al la afableco de ĉi ties direktantoj, kaj kiu jam estigis grandan intereson ĉe la radio-amantoj, devis subite ĉesi pro la ĵusa ministra decido, kiu malpermesas, ke la lieĝaj stacioj funkciu vespere. Ni tamen esperas, ke tiu decido ne estas neŝanĝebla kaj ke iam ni povos daŭrigi nian radio-propagandon.

Fine, ni komuniku, ke ni sukcesis ricevi de la Lieĝa urbestraro la permeson disponi lernejon por niaj ĉiusemajnaj laborkunsidoj, kaj tiel nia perfektiga kurso, kiu estis malfermata en nia provizora sidejo, okazas nun regule ĉiun nefestan ĵaŭdon de 19 h. 30 ĝis 21-a horo, sub gvido de S-ro Derigat, en la kumunuma knablernejo SAINT-JEAN, placo Xavier Neujean, 22, Lieĝo.

MORTSEL. — La Sindikato de Komercaj kaj Industriaj Oficistoj de tiu komunumo organizas profesiajn kursojn inter kiuj ankaŭ Esperantan, kiun gvidas S-ro Hector Vermuyten, ĉiumerkrede de 20 ĝis 21 h. Por tiu kurso speciale propagandis la Katolika Rondo Esperantista per disdono de 3000 prospektoj.